# Gaja Haveno |39

Porto Alegre, RS, Brazilo | **Januaro/Februaro 2019 |** Kreita en 1997
Redaktas César Dorneles Soares | dornelespoa@gmail.com

SCIENCO

## ◢Arboj kreas strategiojn por postvivi



Antaŭnelonge en la revuo *Quatro Cinco Um*, verkisto Leonardo Fróes verkis recenzon pri la libro *A vida secreta das árvores* ( *La sekreta vivo de la arboj*), de Peter Wohllebn (eldonejo Sextante). Mi trovis la artikolon vere atentokapta ĉar ĝi montras pere de informoj enhavantaj en la libro, kaj baze de liaj propraj spertoj, kiel posedanto de bieneto en montaro de la ŝtato Rio de Janeiro, ke la arboj pere de siaj radikoj, difinas strategiojn por postvivi, kaj kreas "defendreton antaŭ la eksternaj minacoj".

Leonardo rakontas, ekzemple, ke en sia bieneto dum pli ol 40 jaroj li atente observas la "mirindaĵojn realigitajn de bestoj kaj plantoj kaj ekzistas arbo kiu naskiĝis ĉe la bordo de rivero. La kavaĵo sur kiu ĝi kreskis kaj fiksiĝis estas abrupta kaj ne estas sufiĉe solida. Eblis, ke la inundoj povos facile elradikigi kaj fortreni ĝin tra la riveron."

Antaŭzorge la arbo "sciis" kiel fronti la minacon. Kiam ĝi estis preskaŭ du metrojn alta, ĝi ekmodifis la strukturon de sia rektforma trunko, kurbiĝante tra la tempo "kvazaŭ ĝi estus kaŭĉuko" kun la intenco alkroĉiĝi al alia arbo "pli granda kaj firme staranta en seka punkto de la bordo. Poste kiam ĝi "perceptis", ke sia vivo ne plu frontis danĝeron, ĝi denove kreskis rektlinie. (C.D.S) ●

**du** | Gaja Haveno

# ◢ Matilda

Alcione, mi sonĝis, ke vi estis pentranta min kun la rideto de Mona Lisa!...



# ◢Ideoj



**Sama lingvo kaj paco** | Zamenhof, kiel idealista junulo, havis noblan konvinkon, ke la manko de komuna lingvo estas la kerno de problemo de miskomprenoj inter homoj. Observante la malamikan, streĉitan etoson inter multnacia komunumo, konsistantan plejparte el Judoj, Poloj, Rusoj kaj Germanoj – en lia naskiĝurbo – Bialistoko, Zamenhof revis pri paco. (...) Li estis konvinkinta, ke la ĉefa kaŭzo de miskompreno, malakordoj kaj kvereloj inter homoj estas la lingva baro kaj nur unu, komuna lingvo estas la solvo. (...) Se ni rigardas la situacion en nia mondo, ni povas konstati, ke ne la manko de komuna lingvo estas la kaŭzo de kvereloj kaj de malpaco, sed plejparte la malbonvolo kompreni unu la alian. La komuna lingvo de la Islama Ŝtato kaj de la loĝantoj de Sirio estas la araba. ●

⇨Fragmento de artikolo de Jolanta van Holstein, en *Heroldo de Esperanto* n-ro 1 (2268)

# ◢ La beleco kiu doloras

César DSoares

**En 2015** dum mia unua tago en Florenco, kiun mi ankoraŭ ne konis, mi estis trairanta la ĉirkaŭaĵojn de Piazza della Repubblica, kune kun tri vojaĝkunuloj, venintaj el Piazza della Signoria kaj ties beleco, vera muzeo liberaere pri renesanca arto. Krepuskis. Subite ni ekvidis sinsekvantajn konstruaĵojn tiel belajn, kiuj ravis nin pli kaj pli en momento de granda emocio kaj estetika ĝuo. Mi komente ekkriis: *Estas beleco kiu doloras!* Miaj geamikoj tute konsentis kun mi. *Beleco kiu doloras!*

Pasis la tempo kaj kurioze kiam mi estas ekleganta la romanon portugallingve *A Descoberta da Escrita* (*La Malkovro de la Skribo*), de noverga verkisto Karl Ove Knausgard, la sama esprimo estis eldirita de la protagonisto (la propra aŭtoro...) okaze de vojaĝo lia al unu el la urboj de Norvegio.

**Post la mezlerneja studperiodo**, mi eniris en fakultaton pri Beletro ĉar mi volis esti instruisto de la angla lingvo. La lingvistika studado instigis min fariĝi instruisto de la portugala, mia gepatra lingvo, kio fine estis mia elekto. La konatiĝo al Esperanto en 1980 (kiam mi estis studanta la hispanan) ankaŭ influis en la senco, ke mi perdis grandparte de la intereso pri la angla.

Post mia emeritiĝo kiel instruisto, mi ekstudis la italan, pri kio mi diplomiĝis antaŭkelkatempe. Mi persone konsideras la italan la plej belsona lingvo en la mondo. Kion pri Esperanto? Bone, ĝi ankaŭ estas belsona lingvo kaj por mi ĝi estas la plej bela laŭ strukturo.



**poemoj**
bezonas
po unu emo. ●

ESPERANTOHISTORIO

# ◢1907: la Ido-skismo




En 1907 Esperanto devis fronti skismon pro la apero de Ido, planita lingvo kreita de la francoj Louis Couturat (1868 - 1914) kaj Louis de Beaufront (1855-1935) surbaze de provo pri reformo de la Zamenhofa lingvo.

Couturat estis filozofo, matematikisto kaj lingvisto kaj post la apero de Ido unu el la ĉefaj kontraŭuloj al Esperanto. De Beaufront siavice estis lingvisto kaj eminenta pioniro de Esperanto. La unua fondis en 1901 Delegacion por Alpreno de Lingvo Internacia, kies celo estis peti de la Internacia Asocio de Akademioj (1900) elekton de internacia lingvo aŭ laŭnecese starigo de propra komisiono tiucele.

El tiu ideo rezultis kreo de komisiono kiu kunvenis diversfoje en Parizo en 1907 kaj de Beaufront estis la esperantisto komisiita de Zamenhof por defendi Esperanton antaŭ aliaj proponoj. Malfeliĉe en koluzio kun Couturat, la franco anstataŭ fari tion, decidis agi favore al la projekto pri Ido, iu reformata Esperanto. La E-Movado kiel tuto neis ian ajn modifon en la lingvo. Laŭ *Enciklopedio de Esperanto*, 20% da E-gvidantoj kaj nur 3-4% el la tuta esperantistaro forlasis E-on favore al Ido. Ĝis 1910 el 307 societoj nur 14 aprobis ĝin. Tia komisiono, alie kun malmulte da lingvistoj partoprenantaj kaj malregulaĵoj, kiel ekzemple la kritikinda partopreno de Couturat kiel voĉdonanto (li estis aŭtoro de unu el la ekzamenataj projektoj – Ido...) en la fino rezignis pri iu ajn elekto. ▶

Sed “malgraŭ la iam akra polemiko inter la du lingvokomunumoj, Esperanto laŭ kelkaj profitis el impulsoj, kiujn donis Ido. Precipe en la literatura lingvo enuziĝis konsiderinda nombro da sinonimoj de pezaj morfem-kombinaĵoj, kies neoportunecon oni ekkonis en la praktiko, kiel konstatis Detlev Blanke en sia verko Internationale Plansprachen.” (https://eo.wikipedia.org/wiki/Ido_(lingvo))

La propra Ido suferis serion da reformoj kiuj malfortigis ĝin pli kaj pli tra la tempo. Ido nuntempe havas nur inter 100 kaj 200 adeptojn precipe en Germanio, Francio kaj Hispanio, kompreneble sen nenia perspektvo iam esti agnoskita kiel solvo por la problemo da la internacia komunikado.

Zamenhof, okaze de sia salutparolado en la 4a Universala Kongreso en Dresdeno, Germanio (1908), malrekte aludis al la okazintaĵo pere de kelkaj alineoj. La unua parte jenas:

*Karaj samideanoj! – En la daŭro de la lasta jaro en nia afero okazis faktoj, kiuj maltrankviligis por iom da tempo la mondon esperantistan. Nun ĉio jam denove trankviliĝis. Nia arbo, pri kiu mi parolis en Kembriĝo, en la pasita jaro, plej konvinke montris sian tutan fortecon kaj sanecon, ĉar malgraŭ la tute neatenditaj atakoj, kiuj en la daŭro de kelka tempo kaŭzis grandan krakadon, la arbo konservis sian tutan potencon kaj perdis nur tre malmultajn foliojn. Malgraŭ la kaŝite preparitaj kaj rapide plenumitaj atakoj, kiuj ne donis al niaj soldatoj la povon dece orientiĝi kaj interkomunikiĝi, ĉiu el ili sur sia aparta loko staris forte kontraŭ ĉiuj forlogoj, kaj nur tre malmultaj lasis sin kapti per lertaj vortoj.* (C.D.S) ●

***Patro Nia* en Ido:**

*Patro nia, qua esas en la cielo,*
*Tua nomo santigesez;*
*Tua regno advenez;*
*Tua volo facesez*
*Quale en la cielo, tale anke sur la tero.*
*Donez a ni cadie l’omnadiala pano,* ▶

**ses** | Gaja Haveno

(daŭrigo)

*E pardonez a ni nia ofensi,*
*Quale anke ni pardonas*
*A nia ofensanti,*
*E ne duktez ni aden la tento,*
*Ma liberigez ni del malajo.*
*Amen.*

---

⇨Fontoj:

https://eo.wikipedia.org/wiki/Ido_(lingvo)
https://es.wikipedia.org/wiki/Ido

# ◢ Juvenalo

## legas ĵurnalon

Kiel diris Emir Sader, Brazilo havas la plej bonan kongreson kiun la mono povas aĉeti...



LITERATURO

# ◢Maria Firmina dos Reis, la unua romancistino en Brazilo



Maria Firmina dos Reis, deveninta el malriĉa familio de nigrhaŭtuloj, naskiĝis en 1822 en São Luiz do Maranhão, kaj mortis en 1917 malriĉa kaj blinda. Sed ŝi eniris en la historion de la brazila literaturo kiel la unua nigrhaŭta verkisto kaj la unua romancistino de Brazilo.

Se ne paroli pri la la fakto, ke ŝi verkis la unuan aboliciistan romanon: *Úrsula* (1859), kiu nun gajnas kvar novajn eldonojn kaj estis deviga legaĵo ĉijare por la enira ekzameno de UFRGS – Universidade Federal do Rio Grande do Sul (Federacia Universitato de Rio Grande do Sul).

Maria Firmina, lernantino, estis la unua virino aprobita en publika konkurso en la ŝtato Maranhão por la posteno de instruistino al elementa lernejo. Poste ŝi skandalis sian epokon kiam ŝi kreis la unuan ambaŭseksan lernejon... La iniciato daŭris nur tri jarojn.

*Úrsula* rakontas la historion de neebla kaj tragedia amrilato inter du blankhaŭtaj gejunuloj, en kiu reliefiĝas forta kritiko al la sklavismo, seksismo, mizogineco kaj rasismo, kiel observas Jarid Arraes en recenzo pri la verkaĵo al la prilibra revuo *Quatro Cinco Um*.

La verkistino dum la vivo adoptis dekunu infanojn, inter ili filoj de sklavigitaj personoj. Ŝi ankaŭ aŭtoris aliajn romanojn. ●

# ◢Miks-

**Je la 15a de septembro**, 1903, 31 junuloj kunvenis ĉe Praça XV, en Porto Alegre, por fondi futbalklubon kiun ili nomis Grêmio Foot-Ball Porto Alegrense. Je la 4a de aprilo, 1906, ĉe avenuo Redenção, n-ro 141 (nuntempe av. João Pessoa, n-ro 1025), nova klubo estis kreita: Sport Club Internacional. Ĉe Grêmio komence la apogantoj estis precipe germandevenuloj; ĉe Inter, la plejmulto de la kvardek membroj-fondintoj estis junuloj kiuj laboris en la loka komerco. ● ● ● **Ne eblas estiĝi** la paco kiam estas tiom por gajni pere de la milito. (Josey Wales) ● ● ● **Kaj estas tiu lingvo** [Esperanto] de granda simpleco kaj rara beleco kiu estos nature antaŭdestinita disirigi kaj diskonigi la literaturajn verkojn de la estonteco. (Guimarães Rosa) ● ● ● **La literaturo** instruas nin pli bone rimarki la vivon.(James Wood)



● ● ●**La mumioj** konversacias per pura gramatiko. (Luis Fernando VerIssimo) ● ● ● **La plejmulto** de la arabaj literoj havas kvar malsimilajn formojn kaj ili estas uzataj depende ĉu ili troviĝas en la komenco de la vorto, inter aliaj literoj, en la fino de la vorto aŭ tute sola. ● ● ● **En Lahtio** la ĉefa kongresejo de la UK 2019 estos *Isku Areena*, iu moderna glacihokea stadiono kun prelegejoj, restoracioj, rapidmanĝejoj, kafejoj kaj drinkejoj. La sportejo taŭgas por akcepti 5000 spektantojn. ● ● ● **Mi ne scias** kien iras la homaro. Sed kiam mi scios, mi iros aliflanken. (Luis Fernando Veríssimo) ● ● ● **Nepre** necesas respekti la infanojn. La adoltoj parolas al ili kvazaŭ ili estus mensmalkapablaj. (Quino) ● ● ● **Estas pruvite,** ke fumi estas unu el la ĉefaj kaŭzoj de la statistikoj. (Anonimulo) ● ● ● **La japanaj semajntagoj** omaĝas la sunon, la lunon, la fajron, la akvon, la lignon, la arĝenton kaj la kupron. ● ● ● **Por eviti konfuzon** kun *drei* (3), kiam parolata ĉe telefonalvokoj, la germana *zwei* (2) transformiĝas en *zwo-n* samkiel la portugala *seis* (6) transformiĝas en *meia-n* (*duona-n*) - aludo al *meia dúzia* (*duona dozeno*). ● ● ● **Papo Klemento la 2-a**, en la 11a jc., dekretis, ke la prostituistinoj devas donaci duonon de siaj monprofitoj al la Eklezio. ● ● ● **Imperiestro Juliano**, en 533, lanĉis la unuan dekreton malpermesante la samsekseman praktikon. ●

